me. D'abord, il est évident que les Espérantistes actuels sont seulement ceux auxquels plaît l'Esperanto actuel ; ceux auxquels il déplaît ne s'enrôlent pas sous sa bannière ; et pourtant ils ont bien le droit d'avoir une opinion en la matière et de la faire valoir, tout comme les autres. Ce sont précisément ces opinions diverses que la Délégation s'efforce d'enregistrer et de représenter impartialement. Elle seule donc est compétente pour juger, non pas l'Esperanto, mais la L. I. en général ; d'autant plus que si les Espérantistes ont une compétence spéciale en Esperanto, ils ne connaissent, en général, aucune autre langue artificielle, et ne sont donc pas compétents pour « choisir » la L. I. Leur pratique même de l'Esperanto serait bien plutôt un motif de récusation, car elle les rend forcément partiaux : personne ne sent ni ne voit les difficultés ou les anomalies de sa langue maternelle, et de même l'habitude rend les Espérantistes aveugles sur les défauts ou les inconvénients de leur langue, qui sautent aux yeux des profanes et en empêchent beaucoup de s'y rallier. Tout au moins, ils doivent admettre qu'on puisse juger « leur » langue sans être Espérantiste ni inféodé. Autrement, il faudrait interdire, aux philologues allemands, d'étudier le français et le vieux français, que certains connaissent pourtant mieux que bien des Français pur sang. Et ce « chauvinisme » est encore plus ridicule quand il s'agit d'une langue artificielle, qui n'est la langue maternelle de personne.

Dira-t-on que tous les amis de la L. I. sont aujourd'hui ralliés à l'Esperanto, au moins pratiquement, et que le nom d'Esperanto est devenu synonyme de langue internationale pour le public ? Oui, peut-être, comme le nom de Volapük il y a 20 ans ; et où est aujourd'hui le Volapük ? Comment ne voit-on pas le danger (sans parler de l'incorrection logique et morale) qu'il y a à identifier l'idée de L. I. à une de ses réalisations, peut-être imparfaite et transitoire ? Les amis de la L.I. qui se sont ralliés à l'Esperanto à cause de l'idée ne l'ont accepté, par cela même, que comme la meilleure L. I. actuelle, donc provisoirement et sous bénéfice d'inventaire ; et ils sont prêts à se rallier à une autre langue qui sera meilleure, plus facile et plus commode, ou qui aura plus de succès. C'est précisément pour distinguer l'idée de ses diverses réalisations, et faire l'union de tous ses partisans, quelles que fussent leur préférences personnelles, que la Délégation a été créée. Elle seule a donc le droit de parler au nom de l'idée, et les Espérantistes n'ont pas le droit de l'accaparer à leur profit, ou au profit de « leur » langue. Du reste, ils ont toujours déclaré (à commencer par le Dr Zamenhof) qu'ils mettaient l'idée au-dessus de la langue particulière, et qu'ils étaient prêts à abandonner celle-ci pour une autre, si l'intérêt de l'idée l'exigeait (est-il besoin de dire qu'il ne s'agit pas d'un tel sacrifice à présent, ni même d'une réforme qui changerait la langue « ĝis plena nerekonebleco » : Krestomatio, p. 312, dernière ligne). En tous cas, on n'a pas le droit de monopoliser l'idée en faveur d'une langue particulière; et, dans la mesure où les amis de la L. I. sont aujourd'hui Espérantistes (comme beaucoup d'entre eux étaient Volapükistes il y a 20 ans), l'Esperanto appartient, non pas aux Espérantistes purs ou

nunaj Esperantistoj estas nur tiuj al kiuj plaĉas nuna Esperanto; tiuj, al kiuj ĝi ne plaĉas, ne aliĝas al ĝi; kaj tamen ili certe rajtas havi opinion pri tiu demando kaj ĝin defendi, tiel same kiel la aliaj. Precize tiujn diversajn opiniojn la Delegitaro penas kunmeti kaj senpartie riprezenti. Do nur ĝi estas kompetenta por juĝi ne Esperanton sed la L. I. ĝenerale, tiom plimulte ke, se la Esperantistoj havas specialan kompetentecon pri Esperanto, ili ĝenerale konas neniun alian artefaritan lingvon, kaj do ne estas kompetentaj por « elekti » la L. I. Eĉ ilia praktika sperto pri Esperanto estus sendube motivo de nekomisiebleco, ĉar ĝi devige igas ilin partiaj : neniu sentas kaj vidas la malfacilaĵojn kaj la neregulaĵojn de sia gepatra lingvo, kaj tute same la uzado blindigas la Esperantistojn pri la difektoj kaj la malutilaĵoj de ilia lingvo, kiuj estas evidentaj por la ne-adeptoj kaj malhelpas al multaj aliĝi al ĝi.

Almenaŭ, ili devas konsenti ke, ne estante envicigita Esperantisto, oni povas juĝi « ilian » lingvon. Alie, oni devus malpermesi al la germanaj filologiistoj, ekzemple, studadi la francan kaj la malnovan francan lingvojn, kiujn tamen kelkaj el ili konas plibone ol multaj plej francdevenaj francoj. Kaj tiu « ŝovinismo » estas ankoraŭ pli ridinda kiam ĝi koncernas artefaritan lingvon, kiu estas nenies gepatra lingvo.

Ĉu oni kontraŭdiros ke ĉiuj amikoj de L. I. nuntempe aliĝis al Esperanto, almenaŭ praktike, kaj ke la nomo Esperanto, por la publiko, fariĝis egalsenca kun L. I.? Jes, eble, kiel la nomo Volapük antaŭ 20 jaroj; kaj kie estas hodiaŭ Volapük? Kiel do oni ne vidas la danĝeron (krom la logika kaj morala neĝusteco) identigi la ideon pri L. I. kun unu el ĝiaj enkorpiĝoj, eble neperfekta kaj nedaŭronta? La amikoj de L. I., kiuj aliĝis al Esperanto, pro la ideo, pro tio mem akceptis ĝin nur kiel la plej bonan nunan L. I., do provizore kaj rezerve ; kaj ili estas pretaj aliĝi al alia lingvo kiu estos pli bona, pli facila kaj pli utila, aŭ kiu plimulte sukcesos. Kaj la Delegitaro estis kreata precize por diferencigi la ideon kun ĝiaj diversaj enkorpiĝoj kaj kunigi ĉiujn ĝiajn partianojn, kiaj ajn estu iliaj personaj preferoj. Do nur ĝi rajtas paroli je l' nomo de la ideo, kaj la Esperantistoj ne rajtas kapti ĝin por sia profito, aŭ por la profito de « sia » lingvo. Cetere, ili ĉiam deklaris (kaj unue Dro Zamenhof mem) ke ili ŝatas la ideon plimulte ol la lingvon mem, kaj ke ili estas pretaj forlasi ĉi tiun favore de ia alia, se tion postulus la bono de la ideo (ĉu estas necesa aldiri ke oni ne postulas nun tiel grandan oferon, nek eĉ reformon kiu ŝanĝus la lingvon « ĝis plena nerekonebleco » : Krestomatio, p. 312, lasta linio). Ĉiuokaze, oni ne rajtas monopole uzi la ideon favore de ia speciala lingvo ; kaj, laŭ la grado ĝis kiu la amikoj de la L. I. hodiaŭ estas Esperantistoj (kiel multaj el ili estis Volapükistoj antaŭ 20 jaroj), Esperanto apartenas, ne al la veraj aŭ ortodoksaj Esperantistoj, sed al ĉiuj amikoj de la L. I., eĉ se ili provizore aliĝis al ĝi ĉar ĝi estis la plej kontentiga aŭ la plej sukceshava solvo.

orthodoxes, mais à tous les amis de la L. I., lors même qu'ils s'y sont provisoirement ralliés comme à la solution pratiquement la plus satisfaisante, ou à celle qui a le plus de succès.

Ceux qui reprochent à la Délégation de vouloir s'emparer de l'Esperanto oublient qu'il n'en est pas de la L. I. comme des autres productions industrielles ou même des doctrines religieuses ou philosophiques. Je puis choisir tel téléphone, telle bicyclette, telle automobile qu'il me plaît, sans m'inquiéter de savoir si d'autres ont le même modèle. Je puis même adopter une doctrine, adhérer à une religion sans me soucier du nombre de ses adhérents, et en me contentant d'entrer en relations par elle avec une infime minorité de gens qui partagent mes idées et mes aspirations. C'est ce qui permet aux fabricants, d'une part, et aux églises ou sectes, d'autre part, de coexister, en se faisant plus ou moins concurrence. Mais la L. I. n'est pas une religion, et l'on ne peut pas dire aux « hérétiques » : « Sortez de nos rangs, et allez fonder ailleurs une autre église. » Car il ne peut y avoir qu'une seule L. I., ou bien il n'y en aura aucune. Les Espérantistes invoquent cette unité nécessaire pour proclamer intangible « leur » langue sous sa forme actuelle, après tout contingente, et due à un seul homme. Mais c'est là une sorte de fanatisme ou d'intolérance contradictoire de l'idée même de L. I. qu'on invoque : car tout au contraire, l'intérêt pratique de l'unité exige qu'on fasse des concessions aux non-Espérantistes et qu'on tienne compte de leurs opinions et de leurs goûts pour les rallier, lors même qu'ils ne seraient pas justifiés au point de vue théorique. Il est facile de voir combien ce chauvinisme est absurde. Si l'on désire une L. I., c'est en partie parce qu'il est impossible de simplifier et de régulariser nos langues nationales, ou du moins une d'elles, sans se heurter à la tradition, à la littérature, enfin au goût et aux habitudes du peuple qui la parle. Or voici une langue qui date de 20 ans à peine, et déjà il se trouve un « peuple » pour défendre aux intéressés d'y toucher, et invoquer sa tradition, sa littérature, enfin ses habitudes et ses goûts (décorés au besoin du nom d'idiotismes). Ne pourrait-on pas lui répondre : « C'est bien, gardez votre langue intangible, puisqu'elle vous plaît ainsi; mais vous ne pouvez pas nous empêcher de faire une autre L.I. qui sera libre, rationnelle et progressiste. » Et une fois que cette langue existerait, l'intérêt de l'unité obligerait les Espérantistes à transiger, pour obtenir la fusion des deux langues et l'union de leurs adeptes (en supposant qu'elles ne diffèrent pas beaucoup, ce qui est le cas présent). Ne vaut-il pas mieux transiger tout de suite, avant qu'on fasse, ou du moins qu'on publie et propage une autre langue, si peu différente qu'elle soit de l'Esperanto classique ? Mais il est contradictoire de n'admettre aucun changement dans l'Esperanto et de ne pas vouloir non plus qu'on réalise ces changements dans une autre langue : c'est tout bonnement réclamer pour les Espérantistes le monopole de toute langue internationale passée, présente et future !

L. Couturat.

Tiuj, kiuj riproĉas al la Delegitaro ke ĝi volas kapti Esperanton, forgesas ke ne estas same pri la L. I. kiel pri la aliaj industriaj entreprenoj, aŭ eĉ pri la religiaj aŭ filozofiaj dogmaroj. Mi rajtas elekti laŭplaĉe tian telefonon, tian bicikleton, tian aŭtomobilon, ne demandante min ĉu aliaj personoj uzas la samajn. Eĉ mi povas aliĝi ian dogmaron, ian religion, ne okupiĝante pri la nombro de la adeptoj kaj kontentiĝante interrilati per ĝi kun tre malgranda nombro da personoj opiniantaj kaj sentantaj laŭ ĝi. Tio ebligas al la fabrikistoj unuflanke, al la religioj aŭ dogmaroj aliflanke, kunekzisti pli malpli konkurencante inter si. Sed la L. I. ne estas religio kaj oni ne povas diri al la « herezuloj » : « Eliru el niaj vicoj kaj fondu aliloke alian religion ». Ĉar povas ekzisti nur unu L. I., aŭ neniu ekzistos. La Esperantistoj alvokas tiun necesan unuecon por proklami netuŝebla « sian » lingvon sub ĝia nuna, certe okaza, formo, kaj kreita de unu homo. Sed tie kaŝiĝas speco de fanatikeco aŭ de netoleremeco kontraŭdira al la ideo mem de L. I. kiun oni alvokas : ĉar, kontraŭe, la praktika utilo de la unueco postulas ke oni faru cedojn al la ne-Esperantistoj kaj ke, por ilin altiri, oni ne forĵetu iliajn opiniojn kaj dezirojn, eĉ teorie nepravigeblajn. Oni facile vidas kiom absurda estas tiu ŝovinismo. Se oni deziras L. I., tio estas parte pro tio ke estas neebla simpligi kaj reguligi niajn naciajn lingvojn aŭ almenaŭ unu el ili, ne kontraŭagante la tradicion, la literaturon, fine la guston kaj la kutimojn de la popolo kiu ĝin uzas.

Sed jen estas lingvo kiu ekzistas apenaŭ de 20 jaroj, kaj jam ekzistas « popolo » por malpermesi al la interesatoj ĝin altuŝi kaj por alvoki ĝian tradicion, ĝian literaturon, fine ĝiajn kutimojn kaj preferojn (kiujn laŭbezone oni nomas idiotismoj). Ĉu oni ne povus respondi al ĝi : « Estas bone; konservu netuŝebla vian lingvon ĉar tia ĝi plaĉas al vi », sed vi ne povas malpermesi al ni krei alian L. I, kiu estos libera, racia kaj progresema ». Kaj kiam tiu lingvo ekzistus, la utilo de la unueco devigus la Esperantistojn cedi, por realigi la kunfandiĝon de ambaŭ lingvoj kaj la unuiĝon de iliaj adeptoj (supoze ke ambaŭ nemulte diferencas : kaj nun tiel estas). Ĉu ne estas plibone tuj cedi, antaŭ ol oni kreos, aŭ almenaŭ oni publikigos kaj disvastigos alian lingvon, kion ajn malmulte diferencas de ĝisnuna Esperanto ? Sed estas kontraŭdira konsenti pri nenia ŝanĝo en Esperanto kaj ankaŭ malpermesi fari tiujn ŝanĝojn en alia lingvo : tiel oni tute simple altrudas al la Esperantistoj la monopolon de ĉia L. I. ekzistinta, ekzistanta aŭ ekzistonta !

L. Couturat.

*Tradukis Sro M. Seynave.*

## Pri novaj trigonometriaj sistemoj

DE

A. DOMBROVSKI

**Franca traduko (el Esperanto) de Komandanto E. Lefèvre.**

Nia klera kaj lerta kamarado, inĝeniera komandanto E. Lefèvre (profesoro ĉe la belga militlernejo) tradukis, el Esperanta teksto verkita de l'aŭtoro mem, tre interesan verkon jam de longatempe konatan de nia legantaro.

Tiel, ni havas nun tradukon francan, kaj tre spertan, de la kuriozegaj elpensaĵoj de l' fama matematikisto, abato Dombrovski, ŝatinda esperantisto pola. Komandanto Lefèvre publikigis sian tradukon por la profito de esperantistaj propagandiloj; la broŝuro kostas 2 frankojn (0,8 Sm.); ĝi estas akirebla ĉe la tradukinto mem, Rue d'Oultremont, 56, Bruxelles.

Kun plezuro ni tradukas ĉi poste la antaŭparolon de l' tradukinto.

Jen ĝi:

La demando pri helpanta lingvo internacia estas, hodie, plene solvita; ĉiutage, pli kaj pli da admirantoj ŝatas la nunan solvon; tiun ĉi mi ankaŭ entuziasme admiras; tamen mi ne laŭdos ĝin tie ĉi ĉar mi tute ne intencas diri, eĉ novmaniere, kion aliaj jam diris tiel lerte kaj ĝuste.

Laŭ mia intenco, la nuna traduko estas propaganda verko, ĉar ĝi celas ne nur konatigi al la matematikistoj la ideojn de profesoro Dombrovski, sed ankaŭ montri al ili kiom estas necesa lerni Esperanton.

Mi deziras diri ke mi lernis tre rapide la mirindan lingvon; oferinte, ĉiusemajne, du aŭ tri horojn el mia profesala laboro, mi sukcesis akiri la plenan konon d'Esperanto post malpli ol du monatoj; ĝi donis al mi eblecon konatiĝi kun ideoj novaj, novaj almenaŭ por mi; sekve plimultiĝis miaj sciencaj scioj.

Mi sentas min devigata rediri tie ĉie, parton de l' konkludoj de sinjor' Couturat, ĉar ili esprimas, forte kaj imprese, kion mi mem opinias kune kun ĉiuj, kiuj klopodas kaj ĉiutage penas por plivastigi la sciencan kampon, kia ajn estu tiu kampo, ĉu persona ĉu internacia.

« Ni diris ke lingvo internacia estas tutnecesa « pro la nekredebla plimultigo de l' tutmondaj « interrilatoj. Reciproke la kreo de lingvo internacia « plimultigos kaj plioftigos tiujn interrilatojn. Per « ĝia helpo, plivastiĝus la interŝanĝoj ne nur ko- « mercaj, sed ankaŭ kaj precipe *ideaj*.

« Dank' al ĝi la sciencistaro pli rapide kaj pli « senpere sciiĝos pri ĉiu eltrovo aŭ progreso plen- « umita en ĉiu lando.

« Igante ke ĉiu kaj ĉia sciencisto profitu la labor- « adon kaj verkadon de ĉiuj siaj kunfratoj, ĝi « forigos neutilajn esplorojn kaj ŝparos tempon; « ĝi ankaŭ pligrandigos, en la sciencistaro, la inter- « konsenton necesan por organizi, dividi kaj dis- « doni la sciencan laboron; pli kaj pli ĝi efektivigos « unuecon en la Scienco, kaj fine ĝi fariĝos ripre- « zentanto kaj simbolo de l' Unueco por la homa « spirito ».

Mi esperas ke niaj kelkaj linioj impresos tiun, kiu ilin legos; eble li komprenos ke ni nepre bezonas helpantan lingvon internacian, kaj ke neniu povas plu prokrasti sian devon, t. e. ellerni Esperanton.

Por fini mi varmege dankas Sinjoron Dombrovski, pro tio ke li bonvole permesis al mi traduki lian verkon; tiel mi povas ĝin prezenti al matematikistoj ne jam esperantistaj. Leginte ĝin, ili esperantistiĝos ĉar — laŭ mia espero — ili ekdeziros lerni aliajn verkojn de tiu klera kaj scienccoza profesoro.

*(El la franca lingvo de Komandanto E. Lefèvre, tradukis K° L. Ch.)*

---

## Esperanta Vilaĝo « Weisser Hirsch. »

Certe ĉiuj Esperantistoj scios, ke okaze de la kvara kongreso en Dresden oni aranĝis esperantan vilaĝon, kiu estas la mondfama kuracloko *Weisser Hirsch* (blanka cervo), kuŝanta en la proksimeco de Dresden. La nova grupo de la vilaĝo vigle laboras nun, por povi bone akcepti la samideanojn, kiuj esperebl tre multenombre restados kelkajn tagojn aŭ semajnojn en la W. H. por ripoziĝi de la laciĝaj kaj impresplenaj kongrestagoj. Por amuzaj distroj la ĉi-tiea grupo prizorgos, kaj jam nun komencis la laborojn, kiuj bone progresadas.

Jen malgranda priskribo de la Weisser Hirsch:

Supre de nia venonta kongresurbo kuŝas sur fiera altaĵo la esperanta vilaĝo, vivigata per tute internacia publiko (gastaro) serĉanta ripoziĝon. Travagante la bonodorantan Dresdenan arbaregon, oni estas mirigata ĉi tie pri la beleco de la kuracloko kaj de la imponan aspekton super Dresdenon kaj la Elbe, vivigata per vaporŝipoj, ŝipetoj kaj boatoj. Tramigri oni povas ravige grupigatajn parkaleojn, flegitajn kun severa zorgemeco. Jen staras reciproke ombrodonantaj koniferarboj kaj graciaj grupoj da foliaj arboj aŭ arbajoj, jen lumanta, florsuperŝutita arbarherbejo katenigas la rigardon. El malvarmetaj arbetaretoj kaj kaŝitaj arbaranguloj elrigadas ŝirmantaj pavilonoj, kaj ĉie, apud belaj trarigardejoj aŭ silentaj lokoj troviĝas benkoj, invitante la promenanton, ripoziĝi.

La ĉefstrato de la blanka Cervo, en kiu cirkulas la ĉefa interkomuniĝado de la internacia fremdularo, estas la Bautzenerstrato, limigata jen de belaj magazenoj, jen de elegante konstruitaj kampdomoj. En tiu ĉi strato kuŝas ankaŭ la akceptejo por la alvenontoj, la Parkhotelo, bela domego kun elegante meblitaj ĉambroj kaj ĉambretoj.

La kuracloko havas elektran lumigadon, bone flegitajn stratojn kaj oportunajn vojojn por piedirantoj. La proksiman kongresurbon oni povas atingi en 45 minutojn per la elektra tramveturilo.

Meze en la vasta arbaro staras granda publika banejo kun banoj kaj duŝoj, kaj apud la koncertejo troviĝas trinkhalon, starigitan en la vitrokovrita promenadejo.

Kompreneble multaj gesamideanoj estas atentataj en nia vilaĝo, por ke ni povu kiel eble plej multe nombre partopreni en la gajaj zorgoj de la antaŭ-aŭ postkongresaj aranĝoj.

SERGIUS WINKELMANN,
Dresden.

## FINANCA STATO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA.

ENSPEZOJ

| | | |
|---|---|---|
| Ĉe la 1ª de Septembro 1907ª restis en kaso . . . . . . . . . . . | 690 | 73 |
| En la dekstra fako de l' konto kiun enhavas nia antaŭa nº, oni bonvolu legi ke la dato de l' restanta sumo estas la *31ª de Aŭgusto 1907ª* anstataŭ la *31ª de Aŭgusto 1906ª*. | | |
| Ordinaraj membroj pagis. . . . . | 7 | — |
| Protektantaj » » . . . . | 130 | 30 |
| Bonfarantaj » » . . . . | 1100 | — |
| Association des élèves et anciens élèves de l'Ecole Industielle de Charleroi, pro parolado . . . . . | 10 | — |
| Propagandiloj disvenditaj . . . . | 28 | 60 |
| | 1966 | 63 |

ELSPEZOJ

| | | |
|---|---|---|
| Dokumentoj de S<sup>to</sup> Lambert, pri projektoj de lingvo internacia . . . | 200 | — |
| Korespond-kostoj . . . . . . . | 83 | 42 |
| Sekretariejoj . . . . . . . . . | 250 | — |
| Kunveno-kostoj . . . . . . . | 10 | — |
| Al S<sup>ro</sup> Witteryck, ŝuldo pagita. . . | 92 | 46 |
| Propagandiloj. . . . . . . . . | 260 | 91 |
| Abonoj al Belga Sonorilo . . . . | 126 | — |
| Ekspozicio en Spa . . . . . . . | 51 | 95 |
| Restas en kaso. . . . | 891 | 89 |
| | 1966 | 63 |

Bruselo, le 8ª de Marto, 1908.

Konforma, laŭ la libroj :

*La Kasisto-Administranto*

J. COOX.

## DANAJ RAKONTOJ.

La loĝantoj de l' duoninsulo « Mols », en la okcidenta parto de Danlando, antaŭe estis konataj pro ilia malsaĝeco. Oni ankoraŭ rakontas multajn anekdotojn pri ilia elpensemeco. Tiuj ĉi rakontetoj havas multe pli ol 100 jarojn; jen kelkaj el la plej gravaj.

### LA CIKONIO KAJ LA ŜAFISTO.

Someron, kiam la greno jam staris alte, cikonio venis en la kampon de l' Molsanoj, kie ĝi pasis antaŭen kaj malantaŭen por kapti ranojn. Tion ĉi ili malŝatis, ĉar ili estis de l' opinio, ke la cikonio surterigis per la piedoj grandan parton de l' greno.

Ili konsiliĝis reciproke, kiel forigi ĝin, kaj la rezultato estis ke la ŝafisto devas eniri en la grenkampo por forpeli la cikonion. Sed, ĵus kiam li estis eironta, la aliaj ekvidis ke li havas tre grandajn kaj larĝajn piedojn, tial ili timis ke li surterigis pli da greno ol la cikonio. Tiam, ili staris senkonsilaj kaj nesciante kiel forigi ĝin. Fine, unu el ili donis la saĝan konsilon, ke oni portu la ŝafiston en la kampon, por ke li ne surterigu la grenon.

Ili do delevis la pordegon de l' grenejo kaj metis la ŝafiston sur ĝin, post kio ok viroj portis lin en la grenkampo, kie iris la cikonio, por forigi ĝin. Tiel la ŝafisto tute ne surterigis iom da greno.

### LA PREĜEJ-SONORILO.

Petolulo iam imagigis al la Molsanoj, ke la malamiko estas en la lando ; tial ili decidis savi kion ili povis el la manoj de l' malamiko. Tio, kiun ili plej ŝatis kaj unue volis savi, estis ilia preĝejsonorilo.

Post multe da klopodo, la sonorilo estis deprenata el la turo, kaj ili nun longe konsiliĝis kiel kaŝi ĝin, tiel ke la malamiko ne povis ĝin trovi. Fine, ili interkonsentis mallevi ĝin en la maron. Ili do trenis ĝin malsupren al la maro, elremis ĝin per granda boato longe de la bordo kaj elĵetis ĝin en la akvon. Sed, elĵetinte ĝin, ili komencis pripensi la aferon, dirante unu al la alia : « Jes, nun ĝi ja certe estas bone kaŝita por la malamiko ; sed kiel ree trovi ĝin kiam la malamika forestos el la lando ? ».

Tiam, unu kiu estis pli saĝa ol la aliaj, eksaltis dirante : « Estas tute simple, ni ja povas signi la lokon ». Ĉe tio ĉi, li prenis sian tranĉilon el la poŝo kaj tranĉis grandan sulkon en tiu flanko de la boato, kie la sonorilo estis elĵetita.

Tiam ili tute trankvile remis hejmen, certe kredante ke ili laŭ tiu ĉi signo facile ree povus trovi ĝin.

*Tradukis.*

G. Hinricksen.

## Ilustrita Revuo TRA LA MONDO.

### FEBRUARO.

Ĝenerala plano kaj enhavo.

**Teatro :** Kaprico, de *Alfred de Musset*, tradukita de *J. Flourens* (Francujo).

**Felietono :** La fratoj de Mowgli, el « la libro de la Junglo », de *Rudyard Kipling*, tradukita de *C. W. Oxenford* (Angiujo).

**Ĉiulanda literaturo :** Kial li ne povas rigardi razilon, de *J. Schröder* (Aŭstrujo).

**Komerco kaj industrio :** Diamantoj kaj diamantistoj, de *Maurice David* (Francujo).

**Diversajoj :** La antikvaj svedaj mitoj, de *H. Lindstedt* (Svedujo).

**Sportoj :** Kroniko, de *L. de Guesnel* (Francujo).

**Pri esperanto :** Bibliografio : La faraono, Duonsurda — Kroniko, de *A. Montrosier* kaj *Steleto*.

**Kuriozaj kutimoj :** La kandelfesto, de *J. Flourens*.

**Miksajoj :** Ludoj, konkursoj, de *Ch. Brunel*.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* Hachette & Cie.

**Grammaire et exercices de la Langue Internationale Esperanto** par L. de Beaufront. fr. 1.50
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . . » 0.75
**L'Esperanto en 10 leçons** par Th. Cart et M. Pagnier . . . . . . . » 0.75
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . . » 0.50
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. de Beaufront. . . . . . . . » 1.50
**Vocabulaire Français-Esperanto** par Th. Cart, M. Merckens et P. Berthelot . » 2.50
**Thèmes d'application** par L. de Beaufront . . . . . . . . . » 2.00
**Cours complet d'Esperanto**, par le Commt Matton . . . . . . . . » 1.50
Tous ces prix s'entendent : port en plus.

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland): **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door Dreves Uitterdijck, Trompschool, Hilversum : fl. 1.50 (fr. 3.25)
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in 10 lessen**. . . . . . . . . . . . . fr. 0.60
Verzendingskosten daarboven.

## *Publications Espérantistes belges.*

Esperantaj Belgaj Presajoj

Ĉe : A. J. Witteryck, 4, Nlle Promenade. Bruges.

**Het Esperanto in 10 lessen**, de A.-J. Witteryck 0.60
**Volledige Spraakleer** van het Esperanto, de A.-J. Witteryck. . . . . . . . . . 0,25
**Paĝoj el la Flandra Literaturo**, kolektitaj kaj tradukitaj de Dro Maurice Seynaeve kaj Dro Raym. Van Melckebeke . . 1.50 (60 Sd.)
**Blinda Rozo** de Hendrik Conscience, esperantigita de Srino Edm. Van Melckebeke-Van Hove. . . . . . . . 1.00 (40 Sd.)
**Tra Mez-Afriko**, de Kto Ch. Lemaire. . 2.50 (1 Sm.)
**Companion** of the English Esperantist, by A.-J. Witteryck. . . . . . . . . . 0.50
**Kelkaj floroj esperantaj**, 4 broŝuretoj de A.-J. Witteryck. . . . aparte 0.20 (8 Sd.)
**Résumé de grammaire** Esperanto, d'après L. de Beaufront, par le Lt Colonel de Troyer 0.25
**Esperanto à l'usage des Français**, par H. Palmer 1.25

Ĉe : Sro E. Mathys.
urba instruisto kaj profesoro belarta, Louvain.

**Manuel complet** de langue Internationale Esperanto par les méthodes analytique et synthétique . . . . . . . . . . 0.30

Ĉe : Madame P. Dubois.
Grande Imprimerie du Centre, La Louvière.

**Cours méthodique**, d'Esperanto publié par « L'Instituteur Belge » . . . . . . . 0.65

Ĉe : We Demarteau-Thys & Zoon.
Hasseltschestraat, 21, Tongeren.

**Het Wetenschappelijk** vraagstuk eener kunstmatige taal, door J. Neerdaels . . . . 0.50

Ĉe Van Hille-De Backer.
Zirkstraat, 35, Antwerpen.

**La ĉiutaga Vivo**, de Sroj Swagers kaj Finet fr. 1.00, (40 Sd.)

**Aldonu la koston de la sendo.**

Ces prix s'entendent port en plus. | Bij deze prijzen zijn de verzendingskosten niet gerekend.

# L'ESPERANTO

**solution du problème de la**

**LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE.**

Brochure de propagande.

NOUVELLE ÉDITION. 1er JANVIER 1908.

PRIX :
Un exemplaire franco . . 0.15 fr.
10 exemplaires . . . . . 1.00 »
20 » . . . . . 1.50 »
50 » . . . . . 3.00 »
100 » . . . . . 5.00 »

## Clef Sommaire

pour joindre aux lettres adressées aux non-espérantistes.
Un exemplaire . . . . . . . 0.05 fr.
S'adresser par écrit, au Secrétariat de la Ligue Espérantiste belge, 53, rue de Ten Bosch Bruxelles.

## Belgaj Ligaj Grupoj.

| | |
|---|---|
| **Antverpena Grupo Esperantista.** | Prezidanto : Dro Raym. Van Melckebeke, 22, avenue des Arts, Anvers.<br>Sidejo : Taverne Royale, 39, place Verte, Anvers. |
| **Pioniro**, Esperantista Brusela Grupo. | Prezidanto : Sro Lucien Blanjean, 83, r. du Collège, Ixelles-Bruxelles.<br>Sekretario : Sro Octave Chalon, 34 rue Van Ostade, Bruxelles |
| **Esperantista Societo**, en Verviers. | Prezidanto : Sro Edouard Mathieu, 45, rue de la Montagne, Verviers.<br>Sidejo : 9, rue Xhavée, Verviers. |
| **Grupo Esperantista**, en Huy. | Prezidanto : Sro Thiry, commissaire-voyer, Huy. |
| **Liera Grupo Esperantista.** | Sekretario : E. O. Vermeiren, Lierre. |
| **Bruĝa Grupo Esperantista.** | Prezidanto : Sro A.-J. Witteryck, 4, Nouvelle Promenade, Bruges. |
| **La Semanto**, Grupo en Laeken. | Prezidanto : Sro H. Calais, 23, rue du Chemin de fer, Bruxelles. |
| **Grupo Esperantista**, en Duffel. | Prezidanto : Dro L. Jacobs, Duffel. |
| **Esperanto.** Cercle d'étude de langues, Spa. | Prezidanto : Sro Decq, inĝeniero, direktoro de la Banejo.<br>Sekretario : Sro Grosjean. |
| **Karloreĝa Grupo Esperantista,** Charleroi. | Prezidanto : Sro L. Delvaux, profesoro.<br>Sekretario : Sro D. Heyne, 17, rue Roton. |
| **Booma Grupo Esperantista**, en Boom. | Prezidanto : Sro Jules Clerbaut.<br>Sekretario : Sro Camille Bal, 53, Kerkstraat. |
| **La Verda Stelo.** | Prezidanto : Sro Fr. Schoofs.<br>Sidejo : Café Zomerhof, 32, place de l'Aurore, Anvers. |

## Aliaj Belgaj Grupoj.

**Section Espérantiste**, du Cercle Polyglotte de Bruxelles.
Prezidantino : Frino A. Greiner, 15, Av. Brugmann, Bruxelles.

**Lieĝa Grupo Esperantista.**
Prezidanto : Sro E. de Troyer, 28, Rue César Franck, Liége.
Sekretario : Sro Ansiaux, 29, rue St Gilles, Liége.

**Grupo de la garnizono**, en Namur.
Prezidanto : Sro Bisman, Kapitano de la 13a linia regimento.
Sidejo : Hôtel de Hollande, Namur.

**Berchema Grupo Esperantista.**
Prezidanto : Sro prof. Ant. Havermans.
Sidejo : Café Limburgia, rue Beernaert, Berchem.

**Espero**, Lieĝa Esperantista Societo.
Prezidanto : Sro F. Spies, 5, rue sur la Fontaine.
Sekretario : Sro G. Sloutzky, 34, rue Nysten.

**Woluwa Blindulgrupo Esperantista.**
Sidejo : Institut Royal des Sourds-Muets et des Aveugles, 72, Avenue Georges Henri, Bruxelles.

**Namura Stelo**, en Namur.
Prezidanto : Sro J. Detry.
Sekretario : Sro Verbeken.
Sidejo : Hôtel de Hollande.

**Esperanta Sekcio** du Cercle linguistique de la maison de Melle.
Prezidanto : Sro Paul Motte à Melle-lez-Gand.
Sekretario : Sro Paul Jansens.

**Seilla Grupo Esperantista** en Seilles. Prezidanto : Sro Jean Magis, komunuma instruisto.

**Aliaj Grupoj** en St. Gilles, Malines, Andenne, Louvain, Renaix, Gembloux, Nivelles, St Trond, k. c.